

# La Skolta Mondo

Organo de Skolta Esperanto-Ligo numero 1-2 /2004

12th World Scout MOOT Scout Mondial

2004

TAIWAN

SCOUTS OF CHINA

## 12-a Monda Skolta Roverado

## Respekti la naturon,
## Respekti malsamajn kulturojn
## kaj etnojn.

Kial ne:

Respekti ĉiujn lingvojn per la uzo de la Lingvo Internacia?

# La Skolta Mondo

**ISSN 0037-6558**
Oficiala Organo de Skolta Esperanto-Ligo n-ro 1-2/2004
-
The magazine of the Scout Esperanto League
Gazette de la Ligue Scout Esperanto
Gazeta de la Liga de Scouts Esperantistas
-
**Membrokotizo/Abonkotizo**
20% de la UEA-kotizo MJ(T)

Sugestoj k. kontaktoj al redaktejo:
etaprinco@yahoo.com.br

Vi mem povas printigi la numeron de *La Skolta Mondo* por viaj amikoj, lernejanoj kaj skoltaj gefratoj !



**Printebla versio** en:

ttt.esperanto.org/skolta/sm.pdf

# Enhavo



## En la Reto

Per nia ret-diskut-grupo ni ricevis informon, ke pli ol 600 geskoltoj en Hindio ĵus ricevis lecionojn de Esperanto. Nun ili volas kontaktojn kun la ceteraj skoltoj de la mondo

## JOTI 2004

**Fine de Oktobro ni vigle partoprenos en Interret-Ĵamboreo (16-a k. 17-a de Oktobro).**

**Tamen nia plej granda venko estis sukcesi lokon en la centra reta informa TTTejo http://www.joti.org Krom la aldono de Esperanto, la ĉijara novaĵo estas la ebleco interparoli kun la partoprenantoj pere de la programo "Teamparolo".**

**–EK, EK !!!**

# Skolta Esperanto-Ligo

**fondita en 1918**



Centra TTTejo: http://ttt.esperanto.org/skolta
Diskut-listo: skolta-esperanto-ligo@yahoogroups.com
**Estraro** **prezidanto**: Franco Abriani, Via Falconetto 24, I 37131 Verona VR, Italio **ĝenerala sekretario**: Hector Campos G., Casilla Postal 231 Curico, 7ª region, Ĉilio <mochila@terra.cl> **kasisto**: David H. Withey, 1 Brookfield Ave, Waterloo, Liverpool, Britio L22 3YE

**Reto de Reprezentantoj**

**Aŭstralio**: Kep Enderby, 2 Phoebe st., Balmain Sydney 2041 <kependerby@bigpond.com> **Aŭstrio**: S-ro Martin Báhr, Rasumofskygasse 2 /26, A-1030 Wien <mbaehr@stuts.org> **Belgio**: S-r o Arie Bouman. Driesdreef 8. B-9030 Gent, tel./fakso +32-9-227 48 41 **Brazilo**: Eluizio B. Rodrigues, R. P. Horacio M. Camargo, 120 / 14 , 18048-105 - Sorocaba (SP) <eluiziobueno@bol.com.br> **Britio**: S-ro David H. Withey, 21 Brookfleld Avenue, Waterloo Liverpool, L22 3YE, tel. (0)151 928 2936 **Bulgario**: D-ro Inĝ . Ĥristo Mandev, bul. Mogilev 2 II 19, Gabrovo 5306, tel. +359-66-23647 **ĉeĥio**: S-ro Pavel Sittauer, Hartmannova 1128. CS-67401 Trebiĉ, tel (0)618-21909 **Ĉilio**: S-ro Hector Campos Grez, Casilla de Correos 231, Curico, tel (oficeja) +56-75-315377 (hejma) -310382, <mochila@terra.cl> **Danio**: S-ro Bjarke Nielsen , Erdalsvej 30., DK-2600 Glostrup, tel. 43 968973 **Finnlando**: S-ino Carola Antskog, Mattkárr, FIN 25700 Kimito, tel. ±358-2-4213133 fakso (hejma): +358-2-423246. **Francio**: NR: S- ro Samuel Gaillard, 50, Avenue du Livradois, F-63800 Cournon-d'Auvergne. tel. +33-73-84.31.31 fakso: -34.77.20 <goelano@mconn.com.fr> **Hispanio**: Luis Gilpérez Fraile, Calle Alonso de Pineda 28, E 41007 Sevilla, tel (labora) 954570849 <luis@riskoes.com> **Hungario**: S-ro Aleksandro Pesti, Tó-u 20, H-6723 Szeged **Italio**: S-ro Franco Abriani, Via Falconetto 24, I-37131 Verona VR, tel.: +3945.525173 **Japanio**: F-ino Fumiko Kamaĉi, 3-4-4 Kasumigaoka, Sakai, Osaka, <BXL00154@nifty.ne.jp> **Kanariaj Insuloj:** Miguel (Luma Birdo) Cno. Verde, 101(Las Mercedes), 38293 La Laguna , Tenerife <lumabirdo@yahoo.es> **Kazaĥio**: S-ro Kabjan Edelbay, 637000 Pavlodar. Glavpost, DO BOCT, Kazakhstan **Koreio**: LEE Seung Yun (HL10DL/Junĉjo), Hwigyong-1 Dong, Seul Garden Apt. 909, Dongdaemun (130-092), Seoul, <amiko@chollian.dacom.co.kr> **Kostariko**: S-ro Marvin Segura, Aptdo 1913 San Jose, tel. (01) 585561 **Luksemburgo**: S-ro Guido Ricci, 98 rue des Trevires, L-2628 Luxembourg, tel. +352495052 <sabina.guido@tiscali.be> **Nederlando**: S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, NL 1505 AA Zaandam tel. (0)75-6166931 <ko.hammer@planet.nl> **Norvegio**: P: Norvega Esperantista Ligo, Olaf Schous vei 18 N-0572 OSLO telefono/fakso: 22350894 <esp.oslo@s.no> **Nov-Zelando**: S-ino Gwenda Sutton, 12c Herhert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 6001, tel. +64-4-4730847, fakso –4730848 <Sir_Lancelot@compuserve.com> <100235.3407@compuserve.com> **Pollando**: S-ro Jaroslaw A.Fotyga, ul. Harnesie 21/34, PL-2O-857 Lublin. tel. +48-81-711065 <upfotyga@klio.umcs.lublin.pl> **Slovakio**: Inĝ. Miroslav Havranek, P.O.Box 161, SK-83100 Bratislava, tel. +42-7-5332120 **Srilanko**: S-ro Roland Peries, 4 Sri Vijaya Road, Colombo 6 **Svedio**: kiel Finnlando **Usono**: S-ro Allan E. Fineberg, 28-24 Sherman Place, Fair Lawn, New Jersey 07410-4208, tel. 201/797-4884 fakso: 201/797-4984 <skolto@yahoo.com> #

# 12-a TutAmerika Ĵamboreo

**2005 : 12-a TutAmerika Ĵamboreo**
**Sankt-Rafaelo - Argentinio**
**8-a ĝis la 12-a de januaro**

Saluton,

ARGENTejo, la junulara esperantistaro argentina reaktivita ĉijare invitas al ĉiuj skoltoj esperanto-parolantaj disvastigi la lingvon en la 12-a TutAmerika Skolta Ĵamboreo okazonta en la urbo San Rafael, en la okcidento de Argentino.
La malmultekosta mon-ŝanĝo ( 1 eŭro= 3,54 AR-pesoj, kaj 1 dolaro= 2,88 AR-pesoj) favoras al eksterlandanoj viziti nian landon.
Profitu viziti Argentinon, kaj disvastigu Esperanton kun ni ĉe la plej grava evento en la Amerika kontinento.
ARGENTejo kaj Argentina Esperanto-Ligo, ricevis invit-leteron de la organizantoj de la Ĵamboreo, por munti budon tie, de la 8-a ĝis la 16-a de Januaro 2005.
Krome, Roberto Sartor (ARGENTejo), dank' al argentina reprezentanto de SEL, kunvenis kun lokaj skoltgrupoj en San Rafael por paroli al ili pri Esperanto kaj SEL.

**ARGENTINO BONVENIGOS VIN ĜUI, VIZITI KAJ DIS-VASTIGI ESPERANTON KUN NI KIEL EBLE PLEJ AMUZE**

Ĉefe por skoltoj, la plej efika maniero disvastigi Esperanton, ne estas disvastigi la "movadon", sed jes "la lingvon". Tiu estas unu el la eraroj de la esperanto-parolantoj kiuj disvastigas. Ĝi vere funkcias.
Amike, kaj skolte.... via,

Marcelo

ps: Mi revas ke Esperanto estu ĉe EŭroĴam.!!! kaj ke la ttt-ejo www.scouting2007.org estu tradukita al Esperanto.

# Kalendaro

## Internaciaj Skoltaj Aranĝoj en 2004

| | | |
|---|---|---|
| **Arabio** | 27 Nov – 02 Dec | 24-a Skolta Araba Konferenco |
| **Argentinio** | 8-16 Januaro 2005 | 12-a TutAmerika Ĵamboreo |
| **Aŭstralio** | Dec '04 – Jan '05 | 16-a Aŭstralia Roverado |
| **Belgio** | 12-17 Junio 2005 | 14-a Monda Konferenco pri Internacia Skolt(in)a Amikeco |
| **Bruneio** | 6-11 Decembro | 21-a Azi-Pacifika Skolta Konferenco |
| **Ĉinio** | 30 Jul – 04 Aŭg | 12-a Monda Skolta Roverado |
| **Egiptio** | 25-29 Oktobro | 4-a Ĝenerala Asembleo de l' Monda Parlamenta Unuiĝo pri Skoltismo |
| **Hindio** | 16-25 Februaro 2005 | 7-a Internacia Aventur-Programo |
| **Mongolio** | 1-7 Aŭgusto | 2-a Mongolia Rover-Kunveno |
| **Nederlando** | 26 Julio – 5 Aŭgusto | Nacia Ĵamboreo |
| **NovZelando** | 30 Dec – 07 Jan '05 | 17-a Nov-Zelanda Skolta Ĵamboreo |
| **Mozambiko** | 27 Dec – 7 Jan '05 | 5-a Afrika Ĵamboreo |
| **Makedonio** | Julio – Aŭgusto | 9-a Smotra Na Izvidnici, Nacia Ĵamboreo |
| **Usono** | 1-8 Aŭgusto | Miŝiqan-Internacia Kamporeo 2004 |
| **Tutmonde** | 16-17 Oktobro | 46-a Tutmonda Skolta JOTA www.scout.org/jota |
| **Tutmonde** | 16-17 Oktobro | Ret-Ĵamboreo (JOTI) http://www.joti.net/ |
| **Tutmonde** | 21 Septembro | Internacia Tago de la Paco |



## Servoj en la "Ĵamboreo-Urbo"

**Nutrado**: La ĉeestantoj ne kiuros siajn manĝajn.
Por tio, ili havos manĝovendejon.
**Mono**: Por siaj aĉetaĵoj ĉiuj pagos nure per la oficiala mono de la Ĵamboreo, kiu nomiĝos"*huarpe*" ( Huarpe estis la indianoj kiuj loĝis en Mendosa-provinco).
**Banko**: En la Tutamerika Skolta Ĵamboreo, funkcios Banko.
Tie oni povos monŝanĝi, k.t.p. Oni konstruos komercan centron.
Estos telefonejo, poŝto, kun la ebleco sendi ĵamboreajn poŝtmarkojn.
**Ĵamb-Hotelo**: Parto de la kampo estos por la naciaj delegacioj.
Oni uzus ĉiutage: 1.200.000 litrojn da akvo por la korpolavado; 80.000 kilojn da nutraĵo; 30.000 litrojn da lakto; 35.000 kilojn da pano; 18.000 kilojn da frukto; 10.000 kilojn da dolĉaĵoj; 120.000 litrojn da bongusta minerala akvo ( kiu fluas el la Mendosaj Montaroj ); 18.000 internaciajn telefon-kontaktojn.

### La agado estos dividita



**La tri ĉefaj temoj estos:**

"Esplorante la riverojn kaj la montojn"

"Vojaĝantoj de la Espero"

"Vilaĝo Mondo de la evoluo"

Pliaj detaloj en la venonta numero de LSM

# La lasta mesaĝo de Betty Clay

Saluton al ĉiuj,
Saluton skoltoj kaj skoltinoj.

Mi ĝojas havi la belegan ŝancon paroli al vi, kaj sendi al vi miajn amoplenajn pensojn kaj bondezirojn por multan ĝojon dum la partopreno en Ĵamboreo farante novajn skoltajn amikojn de multaj landoj.

Mi estis tre bonŝanca vivi hejme kun mia patro kaj patrino mian tutan infanaĵon, kaj mi ofte aŭdis mian patron sendi mesaĝojn al skoltoj.
Kaj tio estas la speco de masaĝo, kiun li kutime diris al ili:

"Mi volas ke vi havu feliĉan vivon kiel mi havas. Vi nur atingos tion, se vi tenos la skoltan leĝon dum viaj tutaj vivoj. Eĉ se vi estas pli ol 80-jara kiel mi.
Tenante la skoltan leĝon, vi akiros plian feliĉon. Farante aliajn homojn feliĉajn, vi akiros plian feliĉon por vi mem. "

Mi certas, ke mia patro estus tre fiera vidante kion faras la skoltoj.

Ekde de la 1-a Ĵamboreo en 1920, tiu belega evento ege kontribuadas al la konstruo de internacia amikeco inter junuloj kaj por la kaŭzo de la monda paco.
Paco kaj amikeco inter homoj de ĉiuj la nacioj estas same necesa nun, kiel ĝi estis antaŭ 83 jaroj. Kaj vi helpas konstrui ĝin, kaj haltigi militon.

Sed mi pensas ke multaj el vi venos al la venonta monda Ĵamboreo, kiu estos ĉi tie en Britio en 2007. Tiam estos 100-jaroj de kiam mi patro ekkomencis la movadon.

Mi sendas mian amon kaj bondezirojn por ĝoja Ĵamboreo, por sekura reveno al viaj hejmoj.
Ke vi daŭre kontaktu la amikojn akiritajn, vi daŭre antaŭenigos en viaj propraj landoj la kompromison de mia patro al skoltismo kaj al paco.

Ke Dio benu ĉiujn vin.

Ĝis,

Betty Clay

# MORTIS BETTY CLAY



Kun bedaŭro ni anoncas la forpason de la plej juna filino de Baden-Powell




**"Paco kaj amikeco inter homoj de ĉiuj la nacioj estas same necesa nun, kiel ĝi estis antaŭe. Kaj vi helpas konstrui ĝin, kaj haltigi militon."**



#